ROK XXVI.
GRUDZIEŃ 1932
Nr. 12.




JARO XXVI.
DECEMBRO 1932
Nro 12.

Kraków. Vído al arkada kortego de Wawel - kastelo.

# ESPERANTYSTA POLSKI
# POLA ESPERANTISTO

WYDAWCY: ELDONANTOJ: POLA ESPERANTISTA KLUBO & SOCIETO ESPERANTO EN KRAKÓW

ADRES REDAKCJI I ADMINISTRACJI: KRAKÓW, ul. LUBICZ 34

REDAKTORZY PROF. DR. ODO BUJWID TADEUSZ HODAKOWSKI REDAKTANTOJ

REDAKTOR ODPOWIEDZIALNY: JULJUSZ KRISS.

**PRENUMERATA:** rocznie Zł. 8.—, półrocznie Zł. 4.—. Dla towarzystw i grup esperanckich (przy przesyłce najmniej 5 egz. pod jednym adresem) roczna prenumerata Zł. 6.—.

**ABONO:** jare Zł. 8.—, duonjare 4.—. Por societoj kaj grupoj esperantistaj (ĉe sendo de minimume 5 ekz. al unu adreso) jarabono Zł. 6.—

Konto Pocztowej Kasy Oszczędności Kraków Nr. 406.660.

Eksterlande jarabono — 1 dolaro.

Pojedynczy numer Zł. 0.70 Aparta numero.

| OGŁOSZENIA: | | ANONCOJ: | |
|---|---|---|---|
| 1 strona | Zł. 60·— | 1 paĝo | Zł. 60·— |
| 1/2 strony | „ 32·— | 1/2 paĝo | „ 32·— |
| 1/4 strony | „ 17·— | 1/4 paĝo | „ 17·— |
| 1/8 strony | „ 10·— | 1/8 paĝo | „ 10·— |

**PRZEDSTAWICIELE — REPREZENTANTOJ.**

**Katowice:** Soc. de Esper. Amikoj, Wawelska 3.

**Paryż:** S. Grenkamp, Paris 6. 4 rue de Vaŭgirard.

**Warszawa:** Pola Stud. Esperantista Societo, Leszno 99. m. 5.

**WAŻNE DLA CHCĄCYCH KORESPONDOWAĆ Z ZAGRANICĄ!**

**Atentu!** Ni malfermas en nia revuo la fakon: „Korespondado".
Anonceto de 10 vortoj (krom adreso) kostas Zł. 1.—.

Enpagu tuj je nia PKO. Konto 406.660.

**DO P. T. CZYTELNIKÓW!**

**Upraszamy uprzejmie P. T. Czytelników o załączenie znaczka pocztowego na odpowiedź, przy wszelkiej korespondencji, zarówno redakcyjnej jak i administracyjnej.**



# POLA ESPERANTISTO

MONATA REVUO DE ESPERANTISTA MOVADO EN POLUJO KAJ EKSTERLANDE.

# ESPERANTYSTA POLSKI

MIESIĘCZNY PRZEGLĄD RUCHU ESPERANCKIEGO W POLSCE I ZAGRANICĄ.

ROK XXVI JARO | KRAKÓW GRUDZIEŃ 1932 DECEMBRO | Nr. 12 Nr-o

## FESTO DE LA LIBRO.

Antaŭ pli ol ducent jaroj granda filozofo Leibnitz, kiu antaŭprofetis la alvenon de unika internacia artefarita lingvo, diris:

„Kiam tiu lingvo estos konstruita, nur de homoj dependas esti feliĉaj; havi unu solan interkomprenigilon, kiu faciligos tutan ilian vivon". Tiu lingvo teorie detale prilaborita de Leibnitz post 150 jaroj estis eltrovita de Zamenhof.

Sed ĉu la homaro estas jam feliĉa?

Ne, ĉar ĝi ne volas kompreni ĝis nun, ke tiu eltrovo estas sola solvo de la ĝisnuna babela turo.

Ni solaj, esperantistoj, komprenas tion, uzante la lingvon en niaj interrilatoj kun alilingvanoj, do nur ni solaj povas nomi nin vere feliĉaj. Sed se ni ne volas esti egoistaj, ni devas laŭ niaj ĉiuj povoj labori por la plej rapida feliĉigo de aliaj, kiuj ĝis nun tion ne komprenas. La sola solvo de tiu grava kaj granda tasko estas disvastigi la lingvon inter ĉiuj ne-esperantistoj.

Ni kantas en la preĝo: „Sub la verda standardo": Ni ĵuras labori.

Sed mi kuraĝas diri, ke ni tre volonte, eĉ pasie, kantas, tamen ne tre pasie laboras kaj plifortigas la disvastigon de nia amata kaj prikantata ideo.

Ni demandu nin el la profundo de nia koro: ĉu ni ofte parolas kaj paroligas esperante? ĉu ni oferas ion por la libroj kaj gazetoj, eldonataj ofte kun tuta oferemo de la diversaj agemuloj? Ĉu ni scias kiom da laboro, oferemo, kiom da monaj elspezoj estas bezonaj por eldoni esperantan libron kaj gazeton, kiuj ofte kuŝas dum jaroj, ne donante ne nur profiton, sed ne kovras deficiton de la jam elspezita mono.

Pensu pri tio, gesamideanoj, kaj partoprenu kun ni, eldonantoj kaj redaktantoj, faciligante nian tro ŝargan laboron. Se vi ne povas tion ofte, faru almenaŭ dum nia ĉiujara Zamenhofa: Festotago de la libro. Tiamaniere vi faciligos nian tre malfavoran situacion, samtempe pliriĉigante la ŝancojn de la feliĉigo de la Homaro. Ĉar sendube unu aĉetita libro aŭ gazeto ne restos nur en viaj manoj, ĝi estos pruntedonata al aliaj, legata, rekomendata kaj tiamaniere la rondo de la legantaro multe plivastiĝos.

Pensu pri tio karaj samideanoj. Estas ja f e s t o  d e  l a  l i b r o.

**La Redakcio.**

# U. E. A. ĈU U. F. E.?

La Reorganiza Komitato starigita laŭ decido farita dum la Pariza Kongreso finis sian laboron kaj konstruis projekton de regularo, kiu estas nun sendita al naciaj societoj por akcepto. Antaŭ ol nia oficiala reprezentanto P. E. D. ekdecidos pri ĝia jes — aŭ malakcepto, estas necese ekkoni almenaŭ ĝiajn plej esencajn punktojn, kiuj stampas la tutan projekton per karakterizaj ecoj kaj antaŭdifinas vojojn, laŭ kiuj devas marŝi nia movado.

Plej interesa demando, kiun starigos unue ĉiu samideano, estas: ĉu la projekto alportas ŝanĝon de antaŭaj principoj, kiuj kaŭzis nuligon de la kontrakto en Helsinki? Oni devas la demandon sincere respondi per „jes"! La projekto forigas tre simple kaj „sendolore" la ekzistantan ĝis nun U. E. A., englutante bonvole ĝian havaĵon materialan kaj moralan, transprenante jam pretajn, de multaj jaroj praktike elprovitajn aranĝojn (delegitoj kaj servoj) — jen la ŝanĝo. La cetero — oni povas tiel diri — restis preskaŭ senŝanĝe.

Sed por ne suspekti min, ke mi parolas senbaze, mi resumos plej gravajn punktojn de la projekto.

La proponata nomo de la organizaĵo estas: Universala Federacio Esperantista. Ĝia celo: esti ligilo inter naciaj societoj, fari servojn al la membroj, organizi universalajn kongresojn kaj konferencojn, publikigi dokumentojn, jarlibron kaj bultenon. La celoj, kiel ni vidas, modestaj, kiujn aplikas ĉiu nacia societo laŭ siaj eblo kaj monrimedoj. Ne estas tamen parolo en la statuto pri internacia propagando, intervenoj ĉe internaciaj aŭtoritatoj, registaroj ktp. Eble U. F. E. rigardas tion kiel memkomprenebla kaj pro modesteco ne enmetis tion ĉi en la regularon!

Paragrafo 5 estas plej grava en la projekto, ĉar ĝi parolas pri „Estraro". Ni sciiĝas, ke U. F. E.-n estras Internacia Konsilantaro Reprezenta (I. K. R.). Stranga nomo, tre simila al antaŭa K. R., nur kun aldono de litero „I"! El konstruo de tiu ĉi malfacile elparolebla titolo oni vidas, kiel oni konscie celis adaptiĝon al la ĝisnunaj celoj de organizo. I. K. R. konsistas el reprezentantoj de naciaj societoj kaj reprezentantoj (kun konsila voĉo) de Lingva Komitato kaj Akademio. Punkto 7-a de tiu ĉi paragrafo difinas estraron de la Konsilantaro: prezidanto, 2 aŭ 3 vicprezidantoj kaj unu sekretario elektataj por tri jaroj. Mankas ĉi tie posteno de kasisto, el kio oni povas konkludi, ke I. K. R. laboros senmone aŭ ke la mono iras al alia kaso. Tamen la punkto 4-a tekstas: La Konsilantaro zorgas pri la reciproka informado kaj kunlaborado de la naciaj societoj por komunaj celoj kaj pri ilia komuna **monsubteno** al la oficialaj institucioj de la U. F. E.".

Punkto 19 decidas: „La Konsilantaro elektas Internacian Centran Komitaton konsistantan el 7 membroj". Ili estas balotataj dum la Kongreso por 3 jaroj. Du el ili estas reelekteblaj ĉiujare, do verdire ne por 3 jaroj, ĉar oni ja povas elekti alian personon, kion ne malpermesas la statuto. Tri aliaj membroj estas elekteblaj ĉiun trian jaron. Kaj kio okazas kun la restintaj 2 membroj, pri kiuj la regularo ne parolas? Ĉu ili restas membroj ĝis la morto?!

Punkto 21 tekstas: „La membroj de la I. C. K. elektas inter si ĉiu-

jare unu prezidanton kaj du vicprezidantojn". Tiamaniere ni havos 2 prezidantojn kaj 5 vicprezidantojn t. e. tiuj de I. K. R. kaj I. C. K.

Nekomprenebla ŝajnas al mi konstruo de tiuj ĉi du instancoj! Kian celon havas starigi du memstarajn instancojn, kies celoj estas preskaŭ identaj kaj kies laboron oni povas tre bone kunigi en unu forta estraro? Kial dissplitigi la fortojn kaj krei la samon, kio ja estis kaŭzo de la skismo kaj malinterkonsento? Ĉu por starigi nur kelkajn honorajn postenojn por personoj, kiuj per la reorganizo fariĝus senlaboraj?! Oni ja celis unuecigon de la organizo kaj de la fortoj kaj ne ilian dissplitigon! Unu centro ĉu sub nomo de I. K. R. ĉu I. C. K. (la nomo ja estas indiferenta) sufiĉus ja bonege por plenumi la taskojn kaj laborojn atribuitajn al ambaŭ instancoj en la regularo.

Ke mi estas prava en mia sugesto, pruvas la celo de I. C. K., kiu devas okazigi universalajn kongresojn, eldoni oficialan jarlibron, bultenon, kaj aliajn oficialajn dokumentojn, zorgi pri protokoloj de la Konsilantaro, de la kongreso ktp.

Mankas en I. C. K. sekretario kaj kasisto, kiujn devas anstataŭi la Centra Oficejo t. e. plenuma organismo de la Komitato, konsistanta el unu oficejestro (ĝis nun direktoro) kaj aliaj oficistoj, kiuj estas salajrataj.

El paragrafo 6 ni sciiĝas pri kotizoj, kiujn pagas la naciaj societoj por siaj membroj al U. F. E. La membroj estas dividitaj en 5 kategoriojn: 1) simpla, 2) aktiva, 3) subtenanto kaj 4) patrono. La 1) pagas sfrs 0.50 kaj ricevas membrokarton kaj internacian bultenon, la 2) pagas sfrs 2.50, ricevas ankaŭ jarlibron, la 3) pagas sfrs 12.—, ricevos eventuale ankoraŭ gazeton, la 4) pagas sfrs 100,—, el kiuj sfrs 25.— por nacia societo kaj ricevas la samon kiel la 3), „sed havas ankaŭ la honoron esti patrono" kaj lia nomo estos presata en la bulteno. La monon enkasigas la Centra Oficejo kaj speciala Komisiono por Financoj zorgas pri la direktado de financa fako.

Paragrafo 8 parolas pri praktikaj servoj kaj delegitoj. Tiu ĉi aranĝo estas transplantita de U. E. A. kaj pretendas anstataŭi la servojn, kiujn ĝis nun donis U. E. A. al siaj membroj. La servoj estas jenaj: servo de informpeto kaj helpo al la vojaĝantoj. La aranĝo baziĝas sur la ĝisnuna praktike elprovita maniero de U. E. A., do ne bezonas specialan klarigon. La delegiton proponas loka grupo al la nacia societo, kiu aprobas lin. La delegito devas esti membro de U. F. E. kaj oficas 3 jarojn. Li perdas sian decidon pro demeto, se li ne loĝas en la loko, ne estas membro de U. F. E. kaj decido de speciala Komisiono de U. F. E. En lokoj, kie ne ekzistas grupo, delegiton nomas la nacia societo.

Tiu ĉi paragrafo, kies celo estas anstataŭi U. E. A. estas karakteriza pro limigo de la servoj aplikataj ĝis nun de U. E. A. nur al 2 plej gravaj kaj pro oficigo de la delegitoj por pli longa periodo ol ĝis nun, ĉar por 3 jaroj. Tio malebligos al grupoj ŝanĝon de la delegito post unu jaro kiel nun, se montriĝos, ke la laboro de la delegito ne plene respondas al postuloj de la membroj. La kaŭzoj cititaj, kiuj permesas demeton de la delegito ne elĉerpas ĉiujn eblojn por forigi delegiton, kiu perdis konfidon.

Aliaj paragrafoj parolas pri specialaj komisionoj, universalaj kongresoj, jarlibro, bulteno ktp.

Grava ŝajnas al ni ankoraŭ paragrafo 13 parolanta pri ŝanĝo de la

statuto, kiu estas ebla nur se la propono tiucela estas starigita de 6 naciaj societoj almenaŭ 6 monatojn antaŭ la kongreso. La propono estas akceptita, se voĉdonos favore por ĝi minimume 2/3 da voĉoj devenantaj de almenaŭ 3/4 el la naciaj societoj aliĝintaj al U. F. E. Ni komprenas bone la tendencon de la aŭtoroj, ke estas necese eviti eblan tro oftan ŝanĝadon de la regularo, ĉar la projekto certe elvokos akran kaj nesenbazan kritikon, oni devus ja antaŭvidi manieron, kiu permesus plibonigi tion, kio ne respondas al postuloj de multaj kaj tiel ebligi aliĝon de forestantaj societoj. Ne malpli grava estas fakto, ke U. E. A., kiu ne partoprenis la organizlaborojn, certe volus multon ŝanĝi en la projekto por tiel adapti ĝin al siaj postuloj kaj pro la citita paragrafo ne havos tiun ĉi eblon. La celo ja estis kunlabori kun U. E. A.!

U. F. E. ne povas esti disigata, se apartenas al ĝi almenaŭ 3 naciaj societoj.

Tiel mi prezentis tre skize la konstruon de la nova organizo kaj ĝian tendencon. Ni povas nur konstati, ke sub nova nomo funkcios la malnova kun ĉiuj siaj antaŭaj mankoj. Ĝi celas forigi U. E. A., alproprigante al si ĝiajn plej valorajn partojn kaj forgesas aranĝi procedmanieron, laŭ kiu U. E. A. povus troviĝi en la kadroj de la novorganizaĵo ne perdante sian longjaran kapitalon de estado kaj praktikado.

Kiel plej malfortan punkton de la projekto mi rigardas la konstruon de I. K. R. kaj I. C. K. kaj ilian reciprokan rilaton. Laŭ mia opinio netorebla estas organizaĵo, sur kies pinto staras tuta aro da diversaj eminentuloj, kies kompetenteco ne estas precize difinita, kio kaŭzos nur malpacon en la organizaĵo kaj malkonkordan kunlaboron. U. F. E. devas esti reprezentanto de Esperanto en internaciaj rilatoj kaj da tiuj reprezentantoj povas esti nur unu en personoj de prezidantaro kun sia salajrata oficejo! Sed neniam du prezidantaroj kun du oficejoj kaj eble kun du sidkoloj! Tiam anstataŭ akordigo de la laboro ekregos ĥaoso, kiun oni ja celis eviti kaj kiun ja oni volis forigi el nia movado!

La projekto certe kontentigas diversajn personajn ambiciojn de kelkiuj partoj de nia movado, sed neniam volon kaj postulon de la plimulto! Mi ne povas antaŭvidi la sintenon de diversaj naciaj societoj, sed el la aŭditaj voĉoj oni povas konstati, ke eĉ en tiuj landoj, kies societoj puŝis al la ŝanĝo oni jam rigardas sobre la faktojn kaj ne akceptas senrezerve la kreitaĵon.

Tial la demando starigita en la titolo de tiu ĉi artikolo havas nur unu respondon, kiun ĉiu samideano post konsidero mem trovos!

**Alf.**

# WYSPIAŃSKI KAJ LIA VIVVERKO.

Stanisław Wyspiański naskiĝis la 15-an de januaro 1869 en Krakovo. La infanecon li pasigis en skulptejo de sia patro. Fininte la gimnazion, Wyspiański enskribiĝis en la Akademion de Belaj Artoj en Krakovo, kie li komencis pentrajn studojn sub direkto de majstro Matejko, kiu ĝuste tiam laboris kun siaj lernantoj ĉe interna ornamado de preĝejo de S-ta Mario. Al ĉi tiuj lernantoj apartenis ankaŭ Wyspiański.

La laboro ĉe la eŝafodo malkovris al la juna artisto sekretojn de dekoracia pentro kaj entiris lin en la sferojn de preĝeja arto. Por gajnita mono ĉe ĉi tiu laboro li forveturis Parizon, kie li kreis unuajn kartonajn projektojn de vitraĵoj kaj unuajn dramajn verkojn. Post reveno el Parizo elkoĝis Wyspiański en Krakovo por daŭra restado.

Kaŭze de malforta sano Wyspiański mortis jam en juna aĝo. Malsano, kiu en plenvira aĝo traŝiris la vivon de l' granda artisto, alforĝis lin ĉe kliniĝo de tera migrado al lito kaj devigis lin al malagado.

La tute potenca, escepte abunda heredaĵo de Stanisław Wyspiański, okupis apenaŭ 8 jarojn de kreada vivo de l' artisto.

La pentra agado de Wyspiański estis por pola pentra arto epoka. Neniu branĉo de ĉi tiu kreado estis fremda al Wyspiański. Li postlasis belegan dekoracion en Krakova preĝejo de S-ta Francisko, aron da grandiozaj, majestaj vitraĵoj, pejzaĝoj, komponaĵoj kaj ilustraĵoj, Specialan atenton meritas kreado de Wyspiański en sferoj de ornama arto, ĉar tio estis tempo de kompleta ruino de tiu ĉi arto, kiun el preĝejoj forpuŝis metiisto kaj komercvojaĝanto de firmaoj negocantaj per fabrikaĵoj.

Wyspiański, kiu sur ĉio, kion tuŝis liaj manoj, metis karakterizan signon de senmakula artismo, reportis ĉi tiun artismon ankaŭ al polaj preĝejoj.

Artismo — kiam ni pensas pri sinteza kompreno de kreista karaktero de Wyspiański — estas difino ne elĉerpanta la esencon.

La plej karakteriza eco de tiu artisto estas superhoma potenca esprimo de liaj verkoj: pri tio diras konvinke liaj vitraĵoj „Fariĝu", „Kazimiro la Granda", „S-ta Stanislao", „Henriko la Pia". Aliaj vitraĵoj, kiel „S-ta Francisko", „S-ta Salomeo" kondukas la rigardanton en alian mondon, en mondon de grandaj franciskaj misterioj. Hazardo kaŭzis, ke Wyspiański pentris ekskluzive per paŝtelo. Ĉi tiu tekniko kvazaŭ estis kreita por li, ĉar ĝi insiste postulas deciditan linion kaj kuraĝan konturon. Wyspiański antaŭ ĉio uzis linion, trakondukitan fortege, de unu ĵeto plena de fata esprimo.

Monumenta mura pentro kaj vitraĵoj ĉefe altiris la artiston. Nekomprenebleco flanke de socio kaj posta malsano kaŭzis, ke pliparto de liaj entreprenoj en tiu sfero, eliris neniam ekster kadrojn de projektoj. Liaj verkoj finitaj estis: polihromio de franciskana preĝejo kaj interna dekoracio en Kuracista Domo en Krakovo.

Renaskiĝo de la libro en Polujo rilate al ĝia grafika kaj artista esprimo estas ankaŭ merito de Wyspiański.

La pentra kreado de Wyspiański ligiĝas nedivideble kun tiu poeta kaj drama.

La bazo, sur kiu naskiĝis la tuta potenca verkaro de l' artisto estis Polujo. Polujon li portis en si mem kaj ĉio, kion li ĵetis aŭ transverŝis sur kartonon aŭ paperon kuniĝas kun liaj travivaĵoj, kun meditado je temo de la estinteco kaj estonteco de la nacio. Pro tio la verkaro de Wyspiański, superos la limojn de artistaj problemoj kaj atingas al aŭgurista sfero.

Direktante sin en siaj dramoj kaj poemoj en estintecon de la nacio („Kazimiro la Granda", „Boleslao la Kuraĝa", „Skałka", „La novembra nokto", „Lelevel", „Akropolis") Wyspiański pensis ĉiam pri estonteco

de la nacio. En estinteco li ne serĉis nur rememorojn kaj sonigantajn narkotaĵojn, sed fontojn de la nacia kaj ŝtata reviviĝo. Vekante el ĉerkoj grandajn personojn de pasintaj jarcentoj de Polujo, li deziregis iliajn fortojn, iliajn ideojn transverŝi, inspiri en nuntempan generacion.

La sama ideo de nacia kaj ŝtata reviviĝo lumante akompanadis lin, kiam li verkis la dramojn „Geedziĝa festo", „Elliberiĝo", por veki ĉe nuntempuloj la nacian konscion, sensentigitan per narkotaĵoj de la mallibero, ĵeti antaŭ ĉies okuloj la gloron kaj grandecon, estintecon kaj mizeron de la mallibero. Jen estis principa ideo de tiuj verkoj.

Kontraŭe al romantika poezio perdita en la mesianismo, Wyspiański volis per konkreta ideo revivigi polan ŝtaton. La grandeco de Polujo kaj ĝia sendependeco, estis la plej esencaj motoroj de lia kreado. Do tio 25-a datreveno de lia morto reigas al memoro antaŭ ĉio la aŭgura potencon de lia spirito.

Ĉe sojlo de „mallibera domo", ĉe finkliniĝo de la humiligantaj jaroj kaj malhonoro ripozis sur Skałka aŭguristo, kiu per sia tuta kredo celis veki la nacion, konservi ĝin en tiu kredo, ke jen granda Polujo independa jam venas — kaj devas veni.

Ludwik Stalewski.
(Bydgoszcz).

JÓZEF RELIDZYŃSKI.

## RENDEVUO.

Ŝtona giganteco de granda urbo.

Ekstere pluvo kun neĝo. Vento. Krepuskiĝas. En malvarma, humida nebulo, iom malheligitaj ekflamis strataj lampoj, kiel malproksimaj fantom-semaforoj...

Eleganta garsoniero.

Varme kaj kviete. Agrabla duonkrepusko, iom heligita per ruĝa lumo de ŝirmita lampo kaj rozkolora brilo de fajro sur la forno. En kristala floruj o aromas peze purparaj rozoj.

Sur larĝa orienta divano, en belega pelto, metita sur la nuda korpo kuŝas virino malkvietiĝe ĉarma.

Iam li diris al ŝi, ke ŝia korpo neniam ŝajnas al li tiel mirinde bela, kiel sur la fono de tiu ĉi pelto. De tiu tempo, ŝi tiel atendas lin kaj tiel donas sin al li, en konsciperdo kaj malsato de pasio, obeema kaj preskaŭ humila — ŝi, plej fiera kaj plej malvarma el virinoj, kiel diris pri ŝi ŝiaj amantoj.

Multon da ili ŝi havis. Tiujn ŝi prenis el enuo, aliajn el kalkulo, aliajn spite al amikinoj. Neniu el ili vekis en ŝi la koron, elsorĉis el ŝi pasian melodion de l' sango.

Nur li — li sola, lasta...

Sinjorino Lala alvenas ĉi tien ĉiam kiel unua, al tiu voluptema nesteto de ilia amo, ĉar super ĉio ŝi amas tiun malkvieton de atendado, kiu estas por ŝi kiel plej dolĉa stimulo.

Ŝi fumas cigaredon kaj pensas pri li.

Jen li venos post momento, bela, eleganta, forta kaj svelta, liganta en si la ĉarmon de artisto kun rafineco de mondulo. Li ekgenuos ĉe ŝiaj nudaj genuoj kaj...

Volupta tremo komenciĝanta ie en la cerbo, ekfluis tra la sakro de virino al ŝiaj peskaŭ knabinaj femuroj kaj belformaj piedoj.

La horloĝo sonoriĝas la sesan.

Jam sesa... hodiaŭ li ial malfruiĝas, li nebona.

La bela sinjorino malpacienciĝas, manprenas iun libron. Agrabla varmo kaj rozodoro lulas ŝin...

Ŝi duonfernas pezajn palpebrojn...

Ŝi sentas karestuŝon sur la kapo.

Ŝi aŭdas ion, kvazaŭ delikatan flustron: — Mi amas.
Ŝi malfermas la okulojn:
— Ci estas fine...
Li sidas ĉe ŝi sur la divano. Li karesas ŝiajn harojn. Li nenion diras. Li estas tre pala. Kaj tiel mirinde li ridetas.
— Kio estas al ci, plej kara? Hieraŭ ci estis tiel ekscitita.
Li ne respondas.
— Jur.
Kio estas tio?
Ĉu nebulon ŝi havas en okuloj, aŭ ĉu la nebulo estas en la ĉambro?
Disfluidiĝas la formo de l' plejamato.
— Jur...
Ŝi etendas la manojn.
Malplenaĵo...
Ŝi leviĝas subite, terurita. Ŝi frotas la okulojn.
Evidente ŝi revis.
Ŝi rigardas la horloĝon.
La sepa...
Malkviete batas la koro en la brusto de sinjorino Lala.
La ŝlosilo grincas en la antaŭĉambro...
Fine.
La pordo malfermiĝas.
El la buŝo de la bela sinjorino eliras sufokita terurkrio:
— Vi?
Ŝi vidas sian edzon eniranta...
Atleta staturo de sinjoro Tomaŝo balanciĝas karakterize. Sur la razita vizaĝo ordinara kvieteco. Li estas malvarma, fiera, iom cinika. La viro trankvile proksimiĝas al forno. En palto kaj ĉapelo li eksidas en komforta apogseĝo kaj streĉas antaŭen longajn krurojn sur blankan ursan felon. Indiferente li prenas cigaron kaj komencas zorgeme ĝin detranĉi.
Sinjorino Lala havas en la brusto glacian torenton. La haŭto sur ŝia kapo agaciĝas. Ŝi sentas aparte ĉiun haron. Ŝi ĉirkaŭkovras sin tute per la pelto. Ŝi kuntiriĝas sur la divano, kvazaŭ en atendo de mortiganta bato.
— Kio okazis? Kie estas Jur? — ŝi flustras sensone. Silento. Sur la mallarĝa, kunpremita buŝo de viro traŝoviĝas kruela rideto.
— Vi mortigis lin, monstro, — ekkriis la virino.
— Mi? — Sinjoro Tomaŝo ekbruligas cigaron dum iom pli longa momento. Li enspiras la aroman fumon... — Li mem mortigis sin. — Li prenas el la poŝo iun leteron kaj ĵetas ĝin malatente sub la piedojn de la edzino.
Sinjorino Lala eksaltas malkviete. La pelto falas de ŝiaj ŝultroj. Ŝi ĵetas sin je la letero. Per tremantaj fingroj ŝi disŝiras la koverton.
La literoj dancas en ŝiaj okuloj.
Ŝi legas:
„Plejkarulino! Fariĝis tio, kio devis efektiviĝi. La feliĉo, kiun mi ekkonis kun ci, alportis al mi la venĝon de dioj. La sorto estis pli favora al cia edzo, ol al mi. Mi eltiris nigran kugleton. Kiam ci venos en nian hejmeton, mi jam ne vivos. Se mi povos alveni, mi ekstaros ĉe ci kvankam nevidebla kaj mi ripetos al ci tiun vorton, kun kiu sur la buŝo mi mortas: — Mi amas. Mi ne plu povas skribi, kion do signifas cetere ĉiuj vortoj kontraŭ mia amo kaj malespero? Dankon por revo nerevita, kiu estis cia amo ... Vekiĝo de ĝi povas esti nur la morto... Adiaŭ, kaj se ekzistas io tie, kien mi foriras, do ĝis revido, Lala.
Cia por ĉiam Jur".
Per large malfermitaj okuloj malvive rigardas la nuda virino en malplenaĵon.
El ŝia pala buŝo elfluas plenda akuzo:
— Pro kio... Kial li, precize li?... Do vi sciis pri ĉiuj, kaj kun neniu el ili vi duelis.
La viro rigardas ŝin longtempe.
Li vortfiltras:
— La aliajn vi prenis. Li prenis vin. Li povis forpreni vin de mi, kaj mi bezonas vin ankoraŭ... Li devis perei.

— Sed vi ankaŭ povis perei. — La virino forte frotas la frunton per la mano, kvazaŭ ŝi volus certiĝi, ke tio ne estas terura sonĝo.

— Mi?... la buŝon de la viro kurbigas momentema grimaco de cinika rideto. — No, jes... evidente... se mi eltirus nigram kugleton... sed mi ĝin ne eltiris...

La kapo de virino kliniĝas malsupren sur la bruston.

Ŝi ŝirmis konvulsie la okulojn:

Vere, vi ne povis eltiri ĝin. Hazardisto en la vivo, vi estis tia ankaŭ en momento de l' morto... Malfeliĉa Jur, li falis kiel ofero de sia nobleco, en honora afero kun fripono.

Malestina silento de l' viro. Li deskuis malzorgeme la cindron de la cigaro. Liaj okuloj indiferente glitis tra mirinde bela korpo, blankiĝanta en krepusko, kiel marmoro.

— Bonvolu vesti vin. La fajro estingiĝis. Estas malvarme. Vi povus malvarmumi... Ni iru...

La nuda virino ŝanceliĝas.

Ŝi falas peze sur la divanon.

Ŝi volve kliniĝis, ĉirkaŭkovris sin per la pelto.

Ŝi rigardas malkonscie la cindron de estingiĝinta fajro, griziĝantan en la forno.

Ŝi diras monotone, per ligna voĉo:

— La fajro estingiĝis... estas malvarme, tre malvarme... Mi jam iras... Ĝis revido, Jur...

El la pola tradukis
**W. Krzysztofowicz, Bydgoszcz.**

# ORGANIZAJ DEMANDOJ PRI LA PLEBISCITO.

Mi volas priparoli demandon, kiu kvankam ne estas senpere aktuala, tamen dum propagando bezonas klarigon al personoj, kiuj demandos pri ĝi.

Neniel oni povas permesi, ke pri la sorto de esperantismo decidu nur la individuoj. Laŭ kutimo oni sendas pretan demandon al komisiono konsistanta de malkompetentuloj, kiuj malgraŭ malkompetenteco opinias, ke ili rajtas decidi pri esperantismo sen iu ajn preparo. Pri ĥemio ili ne rajtus decidi, ĉar ili scias, ke pri ĝi rajtas nur ĥemiistoj decidi, simile kiel pri medicino nur la kuracistoj, sed pri esperanto ĉiu rajtas, eĉ tiu-ĉi, kiu havas nenian ideon pri ĝi. Tiamaniere kiom ajn foje oni sendis la demandon koncernantan esperanton al Ligo de Nacioj sub diskusion de malkompetentuloj, tiomfoje oni povis konstati, ke la afero estis perdita.

Do: **ne decidu la individuoj!** Tio-ĉi estos evitebla nur tiam, se „esperanto en la lernejojn!" fariĝos alvoko de amasoj kaj demando de politikaj partioj.

Kiel varbi politikajn partiojn?

Elskribu antaŭ ĉio el adreslibro de Zawada ĉiujn homojn, kiujn Vi ĉi-tie trovos, pri kies aparteno al iu partio oni scias. Aliajn forlasu. El tiuj-ĉi elektu pli-malpli 10, kun kiuj Vi interkonsentu letere aŭ persone demandinte, ĉu ili estas pretaj subteni ideon pri plebiscito aktive ĉe estraro de partio. Ilin enmetu sur la petskribo al partia estraro kaj aliajn adresojn aldonu el libroj de Zawada, menciante, ke ili kiel esperantistoj, aŭ favore subtenantaj ideon de ĝi, ankaŭ subtenus la Akordon, kvankam oni ne povis pri ilia multnombreco kun ĉiu interkomunikiĝi. Sekve dek

certaj kaj aliaj subtenantaj la petskribon. Tiam Vi ne estos solaj, se Vi iros al ĉefuloj de partio, sed malantaŭ Vi staros aliaj. Ne pli frue ol tiam Vi povas fari bonan efikon. Unuvorte **ataki ne** per individuoj, sed **kolektive**. Tiamaniere Vi gajnos, aŭ povas gajni partiojn.

Organizo de intersocieta plebiscito devas esti simila kaj laŭ la sama metodo: ekz. inter instruistoj, kuracistoj k. t. pl.

Tiam esperantismo fariĝos **amasa movado** ne nur de esperantistoj. sed ankaŭ de ne-esperantistoj.

Tiuj-ĉi rezolucioj estos kiel amasa esprimo prezentitaj al ministroj.

Poste ni zorgos, ke **oni evitu Ligon de Nacioj,** kiu perdigus la tutan penadon, kiel perdigis antaŭ jaroj. Por kio ĝi estus al ni necesa? Se ministroj de unu lando konsentus kaj donus promeson oficialan sur papero, tiam la bona komenco estos jam farita. Ni jam plu ne dependigos nian ideon de personoj hodiaŭ hazarde kaj kaprice por ĝi favoraj, kiujn morgaŭ anstataŭos personoj por ĝi malfavoraj, aŭ neŭtrale indiferentaj.

Interkonsenti povas la ŝtatoj sen Ligo. Se oni eĉ kunvokus konferencon, tiam nur por priparoli la organizon de senpera instruado en la lernejoj.

Sed antaŭ ĉio popularigu la ideon pri plebiscito inter esperantistoj. Ofte ili nenion scias pri ĝi: estas bonaj koroj sed iliaj spiritoj vagas en dezerto, ne trovante rektan vojon. **Dr. Antoni Czubryński (Mława).**

# LA ĈARMO KAJ POTENCO DE LA KANTO.

Kiu el ni ne rememoras bone la plej ĉarman bildon el nia ora infaneco, ne rememoras la momenton, kiam apud nia lulilo eksonis la kortuŝa kaj neforgesebla melodio, kantata de nia patrineto: „Dormu, dormu, dolĉa infaneto mia". Kaj poste kiom da melodioj resonas en niaj koroj, melodioj kantitaj iam en la urboj kaj dum la libertempo en la kamparo kiam la vilaĝano semas, kaj kiam li rikoltas, dum edziĝ- kaj naciaj festoj.

En ĉiuj cirkonstancoj gajaj aŭ malĝojaj, al ĉiu el ni estis la kanteto, kortuŝa aŭ gaja, melankoliplena aŭ ama, fidela kamarado en nia vivo. Dum gajplenaj, lukulusaj festenmanĝoj en palacoj de cezaroj sonadis ĉe l' akompano de liuto kantoj de poetoj kaj en la sama tempo sur arenoj de cirkoj mortis, kantante religiajn kantojn, la unuaj kristanoj la martirmorton pro kredo, same, kiel unuaj herooj de la krucmilitoj, kantis marŝante al mortbatalo. Kortuŝaj melodioj eksonis en mezepoko, periodo de trubaduroj kaj amkantistoj (Minnesänger), dediĉitaj al amo, al belaj virinoj, ĵetantaj rozojn el balkono rekompence por pasia kanto.

Ne ekzistis kunveno de junularo, religia aŭ nacia manifestacio, dum kiu ne eksonus melodioj fajraj kaj alvenkvokantaj antaŭ kaj dum la bataloj, dum la sangaj tagoj, kiam popolamasoj marŝis por konkiri Bastilon, melodioj gajaj, temperamentplenaj dum rikolt- kaj popoledziĝfestoj — dolĉaj, pasiaj, melankoliaj, amplenaj dum ĉarmaj, veneciaj noktoj sur gondoloj.

Kian potencon posedas la kanto! Kian vivdonan forton!

Mirakle savita ministo post terura katastrofo en minejo de Supersilezio rakontis, ke en la lasta momento, en la momento de la alproksimiĝanta morto ĉiuj komencis kanti. La kanto estis por ili la potenco, kiu lasis ilin kredi, ke ili ankoraŭ vivas, ke ili reciproke aŭdiĝas en tiu ĉi tombo, el kiu jam ne ekzistis eliro.

En Parizo estas kutimo, ke sur la ĉefplacoj kaj stratoj, migrantaj komponistoj kaj kantistoj disdonas al preterpaŝanta publiko notojn kun memkomponataj melodioj kaj teksto kaj kantas. Ĉiam pli da homoj kolektiĝas cirkaŭ la kantisto kaj kun la sama pasia fajro kaj temperamento kantas junulino kaj grizharulo, grasa marĉandistino kaj ŝupurigisto, melankolia kudristino kaj malsata poeto. Ne ekzistas raso, religio, profesio, ĉiujn unuigas la potenca forto de la

melodio. Ĝi permesas almenaŭ por kelkaj momentoj forgesi pri la ĉagrenoj kaj tragedioj de la vivo, ĝi posedas konstantan ĉarmon kaj sorĉon.

Kaj ni, Poloj, kiej fieraj ni povas esti, posedante ankaŭ neelĉerpeblan trezoron de la plej belaj melodioj, kiuj laŭ artvaloro tute egaliĝas al la komponoj de Schubert, Grieg, Brahms egaliĝas al rumanaj revkantoj kaj rusaj romancoj, eĉe eĉ superante ilin. Ĉu ankaŭ ni ne havas malnovan militkanton, kiun kantis niaj herooj antaŭ la bataloj, la kanton: „Bogurodzica Dziewica" (Dipatrino Virgulino). Ĉu ni ne havas belegajn fajrajn kantojn de „Legionoj", kiujn kantis niaj junaj soldatoj, preskaŭ infanoj, kiam ili en aŭgusto 1914 elmarŝis el Kraków por liberigi nian patrujon kaj redoni ĝin al ni liberan, sendependan! Ĉu ekzistas melodio pli petega ol la kanto: „Przed Twe ołtarze zanosim błaganie: Ojczyznę, wolność racz nam wrócić Panie". (Antaŭ viaj altaroj ni preĝas en koro: Liberan patrujon redonu Sinjoro!), kiun kantis genuante popolamasoj, kiam la hordoj de furiozaj kozakoj pikis per lancoj virinojn kaj infanojn sur stratoj de Varsovio en 1831. Aŭ ĉu havas iu alia kanto pli da forto kaj venkcerteco ol nia nacia himno: „Jeszcze Polska nie zginęła". (Ankoraŭ Poluj' ne pereis.).

Kiu el· ni ne konas kaj ŝategas kantojn de Chopin, glorinta Polujon per siaj komponoj, kiu donis al ili ĉarmon de la pola sono, la bluecon de pola floro kaj oran koloron de polaj kampoj, melankolion kaj ĉarmon de pola pejzaĝo. Li prenis la melodiojn de polaj popolkantaj, kiuj plej bone karakterizas la pasintecon kaj estantecon de la popolo. Neniu ilin kreis kaj skribis; — ili transiras de generacio al generacio — de buŝo al buŝo. Chopin subaŭskultis ilin dum printempaj noktoj kaj prenis ilin, kiel motivon por siaj komponoj, same kiel Stanisław Moniuszko, patro de nia popolopero prenis la popolmelodiojn por sia opero „Halka" ludatan preskaŭ ĉie, sur ĉiuj scenejoj de eksterlando, kiel polan, nacian operon. Prenis la popolmelodiojn Gall, Karłowicz, Lipski kaj Niewiadomski.

Kiam dum la Kongreso en Oxford 1930 nia samideano s-ro Sowiński, Krakova kantisto, ekkantis kelkajn polajn popolkantojn, li elvokis tiel grandegan entuziasmon kaj admiron, ke oni ĉirkaŭis nin, Polojn, petante pri notoj, muzikajoj kaj la kantiston pri multaj aldonoj dum pluaj koncertoj en Oxford, London, Arnhem kaj Amsterdam.

Finante, mi citos fakton el la restado de nia fama muzikologo Dro Reiss en Supra Silezio en Królewska Huta. Antaŭ la koncerto kaj lia parolado pri la ĉarmo de la pola kanto iu ministo salutis la gastojn per vortoj: „Nia tuta amo al la pola kanto, nia admiro por ĝi kaj pruvo pri la ĝojo, ke ni ĝin nun ekaŭskultis povas, estu elparolata nur en vortoj: „Saluton kaj gloron al la kanto"!

N. Bertiżanka.

## ESPERANTO KAJ BLINDULOJ.

Ne multajn fruktojn donis la praidealisma agado de neforgesebla prof. Cart en nia lando. Prof. Cart iniciatis enkondukadon de Esp. en blindulajn sferojn. Estas speciala ĝojo, kvazaŭ lumo de io tre bona, tre nobla, tre hela en la ombra vivo de plej malfeliĉaj el la homaro.

Kelkaj nur unuopaj blindaj s-anoj estis antaŭ nelonge en Polujo. Agis s-ano Wł. Stachowiak en Bydgoszcz, kiel pola konsulo de Universala Asocio de Blindaj Esperantistoj, agis en Lwów energia s-ano Zygm. Sobolta. Tre racie agas depost nelonge s-ano kapitano Jan Silhan el Radziechów.

Sed vere amasa movado inter la blinda junularo komenciĝis en Warszawa antaŭ preskaŭ 2 jaroj. Unuan kurson finis kelkaj blinduloj, kiuj poste turnis sin al Ŝtata Blindul - Instituto en Warszawa. Tie ili ricevis tute neatenditan akcepton. Rezulte, dum pasinta jaro oni instruis en la Inst. Esperanton en la Vesperaj kursoj" — Esp. — lecionoj akiris proporcie plej grandan sukceson; kurson finis 15 geblinduloj. En nuna jaro Esp. estas instruata tie ne nur oficiale, sed

ankau devige: merito precipe de f-ino Zofja Macełkówna, profesorino de la Instituto, kiu nin ĉiam age kaj fervore protektas kaj apogas, kaj de s-ro Stefan Łopatto, la direktoro de Instituto, tre favora por nia agado.

Bonegan propagandon faris dum pasinta printempo per sia alveno nia hungara amiko, Imre Ungar, kiu pruvis, ke Esp. povas ankaŭ praktike utili al blindaj.

Antaŭ kelkaj semajnoj oni malfermis unuan elektran presejon por blinduloj (sist. reliefa „Braille"). Ankaŭ ĉi tie ni bonege sukcesis, ĉar **la unua libro tie presata estas speciala Esp. - lernolibro por blinduloj.** Ĝin oficiale eldonis Stata Varsovia Blindul - Instituto, kaj plej grandan parton de mono por tiu celo donis — **anstataŭ florojm sur la tobon de s-ino Kazimiera Bujwid, la Edzino de nia kara profesoro Odo Bujwid — krakovaj esperantistoj pere de f-ino R. Weinsberg. Nobla gesto, kiun longe danke memoros niaj blindaj samideanoj!**

**Eugenjusz Rytenberg.**

# KELKAJ PENSOJ EL „KATALUNA LITERATURO"

**(LAŬ: „KATALUNA ANTOLOGIO DE JAUME CASAS L. K.).**

Per kuniĝo de Katalunujo kun la kastila monarkio sekvis la dekadenco politika de Katalunujo, sed la dekadenco por la lingvo kaj literaturo, kiu komenciĝis en XVI-a jarcento, finiĝis jam en XIX-a jarcento.

Nune, kiam Katalunujo reatingis sian politikan aŭtonomion, la dua eldono de la „Kataluna Antologio" de Jaume Grau Casas havas ne nur literaturan valoron, sed ankaŭ propagandan celon. Tia verko ebligas al fremduloj ekkoni ne nur malnovajn popolkantojn sed ankaŭ modernajn verkistojn, ĉar tre ofte kiel hispanan literaturon oni komprenas ĉiujn verkojn skribitajn sur Ibera duoninsulo. Unua grandega verko donas ideon pri la simileco de du lingvoj, kataluna kaj hispana, kiu estas simple nur pri vortoj, eksplikante kaŭzojn de la malsimileco (abundeco de radikoj arabaj en hispana; pura latineco en kataluna k. t. p.).

En ĉiu literaturo refleksiĝas amo de l' popolo, similaj motivoj volviĝas en verkoj de diversaj periodoj, donante bildon de ideoj, deziroj, sentoj.

Kore enamiĝinta estas najtingalo. Malgrandan, grizan birdeton forflugantan al Francujo petas Kataluna paŝtistino saluti ŝian patrinon, sed ne patron kiu trudedzinigis ŝin kaj „al paŝtisto min alligis" (popolkanto).

Alia juna Kataluno restis dum tri monatoj en montaroj de Kanigo, kie lia unua akompananto, najtingalo, per sia kantado ĝojigis lin. La birdeto mortis. Nostalgio malgajigis lin. Nur amo al belega knabineto konsolis la paŝtiston. (Popolkanto). Laŭ poeto kaj prozisto Apel les Mestres (1854) la mondon kovras funebra vualo, li petegas do: Kantu najtingal'! Por la Bon' kaj Bel', por la Poezio, kantu najtingal' " Kantu por veki la mondon al Idealo (Preĝo). Najtingalo poeto rigardante fikse la ĉielon inter senfina nombro da steloj estis vidinta supre la stelon, kiu palpebrume lin rigardis".

Ne kantadis li do al la amatino, sed alvenis nokto, en kiu li ekkantis al la stelo. Eĉ kiam eksilentis aliaj najtingaloj, li, sur branĉo senmove kantadis... ĝis nokto, en kiu li falis, mortinta de la supro de l' branĉo. „Sed neniam sciis, ke li estis, kiu plej suferis el ĉiuj najtingaloj de la salikaro (Skizo).

Tiu poeto ne estis rekompencita kiel ĉe Schiller, ĉar enprofundiĝinta en siaj pensoj, poeto, forgesita dum terdispartigo, atingis permeson, veni ĉiufoje al ĉielo, kiam li deziras.

Kiu estas do poeto? Respondon donas Joan Ariis (1888). Tiu estos poeto, kiu en arbara kvieto trovas la fonton de la poezio, sed „Ne tra l' aŭdo, necesas de l' spirito la graci!"

Se kun ia romantika korsento rilatas katalunaj verkistoj kaj popolo al najtingalo, kia plastika vera realismo ĉe Joan Maragall (1860 - 1911) en „Blinda bovino". Tia blinda besto, kiu marŝas al fonto tutsola, honte sin retiras por reveni kaj trinki sen soifo nur malmulte. Ĝi levas al ĉielo la kapon kaj denove paŝas sur la neforgesebla vojo. Ĉu ne rememorigas tia morala fortego „Elefantojn" (Les elefants) de Leconte de Lisle, kie malrapide multpeze irante, revenas ili tra la sablmaro sen limoj al sia patrujo... Malproksime.

Kaj sentoj de ĉevalo?

Verkisto, kiu partoprenis ĉe la franca armeo en la milito Frederic Pajula (1877) priskribas sentojn kaj impresojn de ĉevalo.

Kien oni ĝin kondukas? La ĉevalo memoras sian vojon en urbo. Hodiaŭ sen sia kamarado kun bandaĝitaj okuloj ĝi sentas nur spronojn de l' kavaliro. Tago de batalo neniam forgesita. Vundita ĝi kuras, sango elspruĉas el ĝia brusto. Lia rajtando falis; ĝi haltas.

Plenega de kompato por la homo ĝi laboris ankaŭ por la bono de sia lando. Invalido. Sed trenante plugilon dum senfinaj aŭtunoj, la ĉevalo sentis sin fiera „ŝuldiganta dankemon de la homoj". Denove, kiam la vento siblas senkompate, ĝi sentis vergadon sur la dorso por kontentigi rapidemon de turisto, de malfruiĝanta kuracisto, kiu luis malnovan droŝkon. Kaj tio pasis ankaŭ. Ĉe la akrega sunlumo malfermiĝis la pordo de la stalo en cirko kaj aperis kornhava bruto, poste ĉevalo. Vane streĉis ĝi muskolojn. Sango fluadis, ŝprucis al tero. Pendante post lukto sur la kornoj, kiel felo sur najlo, la ĉevalo tremis. Kraĉinta ĉevalaĉo sur tero ne vekis kompaton.

Boteloj, oranĝoj flirtis tra la spaco al ĝia vundita haŭto.

Publiko ridis. Malgraŭ penadoj forkuri ĝi falis ŝanceliĝante. Subite blindiginta luko demetiĝis. Ĝi rigardis ĉirkaŭe. „Kio! Homoj? El kiu lando ili?"

Botelo fermis ĝiajn okulojn. Lukton de l' ĉevalo mi legis kelkfoje. Similan, senkomparan esprimpotencon oni ne trovas facile en literaturo de l' mondo. Eble, ke tiuj kelkaj pensoj povas veki intereson por la kataluna literaturo ne konata sufiĉe malgraŭ sia grandega valoro. **H. Wasilewska.**

# POLLANDA KRONIKO.

**KRAKÓW.** La 19-an de decembro k. j. aranĝis Societo „Esperanto" kaj Pola Klubo solenan Akademion okaze de 73 naskiĝtago de nia Majstro en la kina Salonego de Industria Muzeo. La solenan vesperon malfermis **prof. Bujwid,** menciinte ĉefe la signifon de **„Tago de l' Libro".** Deklamis poste s-ro **Ortsmann** poemon de Belmont kaj f-ino **Rubinstein** la poemon **„Nia lingvo"** de **J. Baghy** kaj **„Koncerto de Jankel"** el **Sinjoro Tadeo** de **Mickiewicz,** kiel ĉiam ĉarme kaj spiritplene. F-ino **Irena Szczepańska,** nia konata verkistino, en sia propra poemo „la naskiĝo de la penso" pentris antaŭ la okuloj de la aŭskultantaro la bildon de la kreado de nia lingvo pere de Dro Zamenhof, kaj **prof. Biliński** belege parolis pri **„Ideo de Esperanto".** Koncertan parton de la vespero plenigis la bonege ludata **Trio de „Gade"** el la **Muziklernejo** de konata **prof. Stein** kun partopreno de pianistino **prof. O. Łapicka** kaj la kanto de laŭreatino de kantista konkurso en Vieno f-ino **Celina Nadi.** La arioj de Rigoletto Dinorah kaj „Cudne oczy" (Carmaj okuloj) elvokis tian entuziasmon, ke ŝi devis aldoni du kantojn, admirindajn en sia koloraturo. Akompanis, kiel ĉiam, lerte f-ino **Malzówna.**

Finiĝis la bela vespero per himno „Espero".

**LWÓW.** Post longaj klopodoj ni ricevis permeson de „Kuratorjum Okręgu Szkolnego Lwowskiego" — instrui Esperanton en 5, 6 kaj 7 klaso de lernejoj. Al instruado anoncis sin tri personoj (du Ĉe-instruistoj), kiuj tuj post Kristnaska libertempo komencos instruadon.

La 5-an de k. m. S-ano Herr raportis interese pri gaja parto de lublina kongreso. Grandan sukceson atingis nia ĉiujara „Zamenhofa Vespero" la 15-an de k. m. Venis multe da gesamideanoj kaj gastoj, kiuj kun aplaŭdo aŭskultis la paroladojn, dialogojn kaj nian novkreitan esperantan ĥoron. Tiu ĉi lasta, lerte direktita de S-anino Mr. Klein — ricevis specialajn aplaŭdojn. Konferencis vigle kaj sprite S-anino Leonja Frucht. (Z.).

**TARNÓW.** Post la libertempo denove komenciĝis vigla propagand - laboro en „Tarnova Esperanto - Societo". Post la transiro en novan ejon situitan ĉe la strato Krakowska 4, I et-o kaj aĉeto de la plej necesa inventario, okazas regule konversaciaj kunvenoj.

De novembro komenciĝis publika E-kurso por komencantoj kaj supera kurso por la membroj de la Societo, gvidataj de f-ino Irena Traumówna, (Del. de U. E. A.). — En ĉi-tieaj gazetoj, aperadas de tempo al tempo, artikoloj pri Esperanto kaj en la rubriko „Kroniko" mencioj pri la agado de „TES" kaj pri E-movado en Tarnów. — La 19-an de oktobro okazis en la ĉambrego de la Z. Z. K. prelego pri „Signifo de Esperanto", de f-ino Irena Traumówna, — por fervojistoj; ĉeestis kelkdek personoj. Post la prelego okazis provleciono. Por la kursoj enskribiĝis ĝis nun 27 personoj. — Laŭ la iniciato de la sekretario de „Tar. E. Soc." kaj la kunlaboro de fervojistaj esperantistoj kaj s-ro Gierlach, oni pendigis dum oktobro k. j., sur la perono de la tarnova stacidomo, la kadron kun informoj kaj adresoj priesperantaj. — La granda kaj belaspekta kadro direktas la atenton de la pretervojaĝantoj. Ĝi estas bona kaj imitinda propagandilo.

**WILNO. Esper. Universitato ĉe Vilna Ż. T. K.**

Nia esper. grupo ĉe Vilna Juda Landkonema (Turista) S-to (Ż. T. K.) organizis **Konstantan esper. Universitaton** pri diversaj esper. temoj kaj problemoj:

Estis jam la jenaj referatoj:

I. Fenomo S-ano **Wł. Zwirlicz** kun spektakto.

II. S-ano Dro **Gurwicz:** Mia gvidado de esp. kursoj en Vilnaj lernejoj.

III. Dro **Goldburt** pri Esperanto.

IV. Stud. s-anino **Szyndelman:** „mia por kaj per esper. vojaĝo al Norvegujo.

V. Stud. S-ano **Lesiński:** Miaj esper. travivaĵoj en esper. Polujo.

VI. Nia prezidanto S-ano **S. Szyk** havis 8 prelegojn: pri 1) Esp. kaj turismo 2) Raporto pri XXIV U. K. en Parizo kaj Lublina P. E. Kongreso 3) Esp. sonfilmo 4) Esp. kaj Komerco 5) Esp. en lernejoj (plebiscito) 6) Esp. kaj Radio kaj 7) Pri Prof. Dro Odo Bujwid kaj lia 75-a jubileo.

Ĉiam aŭskultas 50—70 personoj kaj la Vilnaj gazetoj raportas pri la prelegoj.

La Vilna juda taga gazeto **„Cajt"** malfermis konstantan specialan grandan **esperantan angulon** sub la redakcio de nia prezidanto S-ano Salomon Szyk. Brilega propagando.



# ALVOKO.

**Mi serĉas tradukantojn** en la regionoj, en kiuj oni legas ĉi tiun gazeton Ili devas: 1) esti kapablaj bonstile kaj elegante traduki artikolojn verkitajn en Esperanto en sian nacian lingvon; 2) havi bonajn interrilatojn al gravaj gazetoj (ĉiutagaj aŭ periodaj) de sia lando por instigi ilin al publikigo de artikoloj, kiuj rilatas ekonomiajn, industriajn kaj komercajn aferojn kaj estos laŭ sia enhavo valoraj kaj de publika intereso.

Tiuj samideanoj, kiuj estos pretaj, labori kun mi (por entrepreno cetere ankaŭ valora por nia Esperanto-propagando), estas petataj, skribi al mi tre baldaŭ sian adreson, por ke mi povu informi ilin pri nia laborplano, kaj por ke ni povu interrilati pri la reciprokaj kondiĉoj. Kun samideana saluto

Prof. Dr. Dietterle
Leipzig, Beethovenstr. 19

# RECENZOJ.

## ORIGINALAJ VERSOJ DE HERBERT HESSE.

Tralegin te la supre menciitan libreton oni tuj vidas, ke la versoj ne estas tradukitaj, sed originale verkitaj, ĉar regas ilin esperanta spirito. — Parto de la versoj estas dediĉita al la rememoroj pri la milito. En ili la aŭtoro repentras fragmentojn el la kruela milito: batalon, vunditojn, kadavrojn. — Kelkfoje tia verso finiĝas per tute kontrasta bildeto pri paco, — paco, kiu kostis multajn viktimojn, kiu elkreskis el tero ensorbinta multan, senkulpe elverŝitan sangon. — Krome la libreto ampleksas kelkajn aliajn, tre belajn versojn kaj ni povus nur riproĉi al ĝi, ke... ĝi tro rapide finiĝas. **Fred-Be.**

## PRAKTIKA ESPERANTO-STENOGRAFIO.

La Germana Unio de Stenografoj laŭ Stolze-Schrey en Berlino sciigas nin, ke por popularigi Esperanton inter stenografoj kaj por akceli scion de esperanto-stenografio de nun aperos 3—4 foje jare ekzercoj kaj diktad-tekstoj en Esperanto en elementa kaj debata stenografioj laŭ la alfaro de Robert Kreuz en la organo „Der Blitz". S-ro Kreuz, konata kiel direktoro de la I. C. K. en Ĝenevo de pluraj jaroj jam stenografas la ĉefparoladojn en la universalaj kongresoj de Esperanto.

Interesitoj pri Esperanto-stenografio povas sin turni por senpaga informo al Sten. Verband Stolze-Schrey. Breitestrasse 10, Berlin C. 2. aŭ al la aŭtoro de la alfaro, s-ro. Direktoro Rob. Kreuz, 11. Rue du Mt. Blanc, Genève (Svislando).

## BROŜUROJ PRI NORVEGIO KAJ ESTONIO.

La norvega turista asocio (Landslaget för Reiselivet i Norge) intencas eldoni en Esperanto turistan broŝuron pri sia lando, senpage dissendotan al dezirantoj. Por rapidigi la eldonon kaj por pruvi al la turista asocio, ke ekzistas bezono pri tia broŝuro, bonvolu sendi multajn petojn al la nomita asocio, **Nedre Slottsgate 7 OSLO, Norvegio** aŭ al **Bennett, OSLO, Norvegio.** Sed ne menciu, ke vi legis instigon pri tio en Esperanta gazeto!

Same la estona Centra Organizo de Turismo ĉe la ministerio por trafiko decidis eldoni broŝuron pri Estonio. Bonvolu sendi petojn al **Eesti Turistide Uhing, Rüütli 2, TALLINN, Estonio.** **H. S.**

## ESPERANTAJ SIGELMARKOJ PRI ESTONIO.

La estona Esperanta Turista Komisiono eldonis tutan serion da belaj sigelmarkoj pri la vidindaĵoj en Estonio. La markoj, kiuj estas aprobitaj de la estona Centra Organizo de Turismo ĉe la ministerio por trafiko, estas haveblaj ĉe ETK, poŝtkesto 6 Tallinn, Estonio. Prezo: 4 diversaj por 0,23 zlotoj. Ekzistas 20 diversaj.

## GVIDLIBRO PRI TARTU (DORPAT), ESTONIO.

Okaze de la 300-jara jubileo de la universitato en Tartu Esperanta Turista Komisiono eldonis en Esperanto gvidlibron pri tiu urbo, haveblan ĉe ETK, poŝtkesto 6, Tallinn, Estonio, por 0,50 zlotoj.

**„FLIRTO ESPERANTA"** prilaboris Edz-peranto. Eldonejo: N. Ŝapiro, Warszawa, Nowolipki 8.

En ilaro de ĉiu kursgvidanto kaj de Esp. - grupoj devus troviĝi tiu interesa eldonaĵo, kiu povas plivigligi la kunvenojn kaj interesigi la lecionojn. La korekta lingvaĵo stimulas al la disvastigado.

**HENRIK SEPPIK - ERNFRID MALGREN, Systematisk kurs i Esperanto** (Sistema kurso de Esperanto) Eld. Soc. Esperanto, Poŝta fako 698, Stockholm 1, Svedujo. 88 paĝ. Prezo: 0,75 sved. kronoj.

Aro da alilandaj esperantaj instruistoj dum la lastaj jaroj agadis en Svedujo, sin tute dediĉante al instruado pri Esperanto. Ili ĉiuj devas instrui direktmetode, sed en la detaloj la metodoj varias. Ĉar la jam ekzistantaj lernolibroj por svedoj estas verkitaj en sveda lingvo por uzo de svede parolanta instruisto, ili malfacile estis uzeblaj en la direktmetodaj kursoj, kiujn gvidis la nesvedaj instruantoj. La verkintoj multe okupis sin pri direktmetodaj kursoj kaj verkis libron kun laŭtempa enhavo. La frazaro estas ordigita laŭgrade kaj la vortoj estas plej grandparte modernaj kaj la enhavo tre interesa.

Inter la ekzercoj troviĝas gramatikaj klarigoj en la sveda lingvo.

La lernolibro faris grandan sukceson. La eldoninto sciigas, ke dum tri monatoj vendiĝis 3000 ekzempleroj, bona pruvo, ke ĝi plaĉas al la publiko, kiu lernas Esperanton.

**EINAR DAHL: Dialogoj en Esperanto.** Por kursoj kaj grupaj kunvenoj. Eld. Soc. Esperanto, Box 698, Stockholm. 1. 32 paĝ. Prezo 0:50 sved, kronoj,

En kursoj kaj grupaj kunvenoj ni devas kiel eble plej ofte uzi Esperanton por perfektiĝi. Esperanto estas tre facila! Tio ne estas nur frazo, sed pruvita fakto. Sed ĝi ne estas tiel facila, ke oni ne bezonu lerni kaj ekzerci ĝin. Plej necesa estas ekzercado por lerni flue paroli en Esperanto.

La verkinto kolektis por tiu celo dek dialogojn kun simpla kaj facila enhavo, kiujn li origine skribis por la kunvenoj de la grupo, al kiu li apartenas. Tio ili faris sukceson. La temoj ne estas elektikaj laŭ certa tendenco, kontraŭe ili estas de malsimilaj specoj. Malnovaj fabloj tute forestas, ĉar la verkinto klopodis havigi temojn el la ĉiutaga vivo, kiuj povas interesigi gejunulojn nuntempajn.

La dialoga formo pli ol la kutimaj, laŭgrade ordigitaj, leĝaĵoj donas intereson al la ekzercadoj, ĉar du el la kursanoj demandas kaj respondas laŭvice.

**Emil Isac: SONORILO KAJ KANONO.**
**Tradukis Tiberio Morariu. Eldonis Heroldo de Esperanto Köln, Germ. 59 paĝ.**

Tiun ĉi poemaron en prozo la tradukinto ĝuste nomas „Kolekto de veraj perloj", „rimarkindaj ideoj en vesto de subtila stilo, ekstreme delikata", ĉar vere neĉiutaga estas la stilo de Emil Isac.

Inter aliaj precipe menciinda estas la unua poemo, kies titolon portas la libro. En ĝi la aŭtoro, prezentante al ni la devenon de sonorilo kaj kanono, tre delikate riproĉas la homan emon al la milito per jenaj vortoj: „Kaj la animoj de l' mortigotoj supreniros en ĉielon sur sonorila sonŝtuparo: homoj amu, ne mortigu unu la alian, ne plu muldu kanonojn el sonoriloj". Ni do vidas, ke la aŭtoro estas tutkora pacifisto.

Senfine oni povus citi la belajn frazojn el tiu poemaro, kie la aŭtoro, kvazaŭ sorĉisto kreas el ĉiu simpla kaj vorto ion pli altan kaj pli belan.

La poemoj, malgraŭ sia mallongeco, estas tre interesaj kaj profundaj. — Legante ilin, ni forgesas pri la realeco, travivante ĉion kun la herooj, tiel plastike kaj kolore la aŭtoro pentras siajn skribbildojn.

Nian koran gratulon meritas la tradukinto pro la bonega tradukado. — Vivu ESPERANT', kiu ebligas al ni ekkonon de tiaj libroj, **Fred—Be.**

**Ĉehoslovaka Ministerio Fervoja** eldonis belegan gvidlibron tra ĈSL. — **Fervojaj linioj.** Estas priskribo de 10 ĉefaj linioj, gvidantaj de la limo kun 11 geograf. kartoj kaj 140 bildoj.

Ĉiu priskribo entenas 14—15 bildojn, tre bele faritajn en unu longa karto presita sur tre bona kartonpapero. La karto prezentas poŝformaton, estas bone portebla. Diversaj fotografaĵoj estas belegaj, aspektas vere artiste kaj alloge. Trarigardante ilin, oni vole ne vole deziras persone konatiĝi kun tiel belaj vidaĵoj kaj urboj.

Estas vere imitinda ekzemplo por ĉiuj landoj kaj urboj kaj rekomendinda por turistaj rondoj.

Samideanoj povas peti senpagan alsendon ĉe: Ministerstvo železnic Praha.

O. B.

**Kazimierz Smogorzewski: POL-POMERANIO.** El la franca tradukis S. Grenkamp-Kornfeld. Kun 22 kartoj entekste kaj 4 plurkoloraj eksterteksle. Eldonejo Esperantista Voĉo, Jasło, Pollando.

Tute intence kaj pripense ni retenadis nin kun esprimo de nia opinio pri tiu libro. Nia sinteno pri ĝi estas ja facile antaŭvidebla kaj komprenebla. Ĝi neniel povas esti malfavora, kaj tamen kvankam ni ĝojis pro la apero de tiu ĉi libro, ni longe silentis, ĉar ni volis orientiĝi en ĝenerala atmosfero, kiu inspiris la recenzantojn de diversaj esperanto-gazetoj. Oni povus ilin klasifiki en kelkajn grupojn. Estis tiaj, al kiuj ne plaĉis, ke tiutema libro aperis en Esp. Ili riproĉis ke la enhavo ne taŭgas, ke ĝi estis publikata en la lingvo, kiu celas amikiĝon kaj fratiĝon de popoloj. La riproĉo estis tre stranga! Se oni volas esti ies bona amiko, oni devas bone lin koni. La naciaj gazetoj multfoje troigas la faktojn kaj ilin aliigas. La libro skribita tre objektive, sur bazo de multaj historiaj dokumentoj, kaj, interese, plejparte ĝermandevenaj praviĝas la justecon de pola tezo koncerne Pol-Pomeranion. Ni volonte scius, kian opinion pri uzado de Esperanto en politikaj aferoj havis tiuj recenzantoj, kiam aperis la libro de Nitti, tradukita siatempe en Esperanton, simple ofendanta la polan nacion. Certe ili tion ne rimarkis, ĉar tiam ilin la vero ne doloriĝis. Nun ilia sinteno devas esti alia. Nu, jes, ne principismo, sed utilitarismo de konvinkoj! Ni komprenas!

La aliaj recenzantoj estis tre singardaj, havis la katan tertecon. Ili simple anoncis, ke la libro aperis, la lingvaĵo estas tre bona, sed pri la enhavo ili ne ŝatis paroli, ĉar ĝi povus eble ne plaĉi al iu el interesitoj.

Estis krome aliaj kategorioj, sed ĉu ni pri ili parolu? La enhavo de la ĉapitro trolongiĝus. Ni diru prefere nian opinion!

Esperanto devas esti fratiga ilo. Tiucele ĝi estas kreita. Se aperas la libro pri eble tre malagrabla temo, sed celanta objektive prezenti ies justajn postulojn aŭ rajtojn, celanta amikiĝon per reciproka interkoniĝo, ĝi devas esti kore bonvenata kaj ni devas al ĝi deziri multan disvastiĝon. Ni faras tion!

**D-ro Briquet: Esperanta Teknika Medicina Vortaro.** Eld. de Internacia Medicina Revuo, 255, avenue du Longchamp, Bruxelles; prezo de la bindita volumo 2 dolaroj (14.40 belgoj aŭ 72 belgaj frankoj), sendkostoj — 0.15 dolaroj (1 belgo aŭ 5 belgaj frankoj). La libro entenas 360 paĝojn, 3675 vortojn. Longe atendita medicina vortaro, riĉigis grave la fakan literaturon, per sia preciza kaj zorgema prilaborado. Oni povas ĝin al ĉiu serioza Esperantisto rekomendi.

**PARIZAJ PAROLADOJ DE ABDUL BAHA.** El la angla eldono tradukitaj de **Lidja Zamenhof.** Eldonis Bahaa Esperanto-Eldonejo, Weinheim (Baden) Germanujo 1932.

La esp. tradukaro pliriĉiĝis je bonega verko, nome la „Parizaj Paroladoj de Abdul Baha", esperantigitaj de Lidja Zamenhof. En tiuj ĉi paroladoj Abdul Baha, la pioniro de bahaa movado, klarigas al la multnombraj aŭskultantoj la ĉefajn punktojn de tiu-ĉi religio, ĝian ideon kaj celon, kiuj estas: egaleco, frateco kaj paco. Bahaismo estas resumo aŭ pli ĝuste kompletigo de la jam ekzistantaj kredoj, tamen sen iliaj ritoj kaj dogmoj. Laŭ ĝi unu Dio regas la mondon kaj ĉiuj homoj estas Liaj infanoj, ĉiuj estas antaŭ Li egalaj: Francoj kaj Angloj, Judoj, Kristanoj kaj Mohametanoj, viroj kaj virinoj, — unuvorte ekzistas nek rasaj, nek naciaj aŭ seksaj diferencoj. La homoj laŭ ekstera aspekto estas diversaj: ruĝaj, flavaj, brunaj, blankaj kaj nigraj, sed Abdul Baha komparas ilin al ĝardeno kun plej diversaj floroj, kiuj tamen harmonie aspektas kaj kreskas. La diverseco ne estu kaŭzo de milito, inter la homaro regu paco, ĉar por kio homoj batalas kaj verŝas sangon? Por akiri pecon da tero, tero kiu poste fariĝas ilia tombo! Ĉu ne honto, ke homo, la plej alta el ĉiuj kreitaĵoj mortigu siajn fratojn por akiri... propran tombon?

Ĉiu Esp-isto ĝuos legante la libron, ĉar ĝia enhavo estas tre proksima al lia interna ideo kaj sentoj. **E. B.**

# ANONCO:



# DE LA REDAKCIO.

Al ĉiuj niaj estimataj kunlaborantoj, abonantoj, legantoj kaj amikoj ni sendas plej korajn bondezirojn okaze de la Kristnaskaj festotagoj kaj la Nova Jaro.

**La Redakcio kaj Administracio de Pola Esperantisto.**

Pro nealveno de dua parto de la raporto pri la kongreso en Lublin ni prokrastas ĝian aperigon ĝis la januara n-ro.

**ATENTU! AŬSKULTU!**

La 11-an de januaro 1933 (merkrede) je la 22 h. 40 min. disaŭdiĝos la radistacioj en Kraków kaj Warszawa prelegon de s-o T. Hodakowski s. t.: „**Vintra turismo en Pollando**". Ne forgesu pri dankleteroj kaj pluaj petoj al: Dyrekcja Polskiego Radja, Warszawa (aŭ Kraków).

Redaktor odpowiedzialny: **Juljusz Kriss,** Kraków.

Drukarnia L. Gronusia i Ski, Kraków, ul. Stolarska 6.

---



---

**ĈU VI JAM FINPAGIS LA ABONON POR J. 1932?**

**SE NE**

**PAGU TUJ JE NIA KONTO P. K. O. 406.660.**

**RENOVIGU LA ABONON POR JARO 1933!**

**Abonu mem kaj varbu novajn abonantojn por la sola esperanta gazeto en Pollando!**

---


Redaktor odpowiedzialny: Juljusz Kriss.

Drukarnia L. Gronusia i Ski, Kraków, ul. Stolarska 6.